# Kuraĝe ni iru la vojon celitan...



La Asocio strebas adaptiĝi al la rapide ŝanĝiĝanta mondo. Pruvo el tio estis la distingaĵo, kiun UEA freŝdate asignis al EASP kiel kuraĝigon al plua strebado. ***Ni dankas al ĉiuj*** kiuj rekte aŭ nerekte kunlaboris por tiu atingo.






Ĉu loka asocio ankoraŭ grave rolas en la esperanta movado? Ĉirkaŭ 80 personoj konfirmis tiun pravon per sia membriĝo en 2014. ***Ni dankas al ĉiuj asocianoj*** pro la daŭra subteno. Ni dankas ankaŭ al la ***simpatiantoj de EASP*** pro ilia partopreno en la asocia vivo.



Baldaŭ, en 2017, EASP fariĝos 80-jara. Jam tempo estas por entrepreni esperantan projekton, per kiu la Asocio honoru siajn pionirojn kaj kronigu la 80-jaran jubileon de sia fondo. ***Ni varme invitas vin*** kunpartopreni en tiu entrepreno.



El ĉiuj servoj de EASP, la librovendejo plej elstariĝis dum la jaro. Entute estis venditaj preskaŭ mil libroj. ***Ni dankas al ĉiuj aĉetintoj*** kiuj bone komprenas ke la mondo povas resti indiferenta al Esperanto, sed ne povas esti indiferenta antaŭ klerigita kaj bone informita esperantisto.

# Gajajn Festojn kaj sukcesan Novan Jaron!

*La estraro de EASP*



Parko de Lumo
Sanpaŭlo

**LA LAMPIRO** *55-a jaro n-ro 134 2014:3*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktantoj**: Francisco S. Wechsler (esperanto@fswechsler.com) kaj Paulo S. Viana (psviana@terra.com.br)

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler

*La redaktantoj ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

---

**easp**

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2015**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



**Deĵoroj**: lunde: 12h – 16h; marde 9h – 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h – 18h; vendrede: 14h – 18h; sabate: 9h – 18h.

## Enhavo

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

Per unu plia numero de *La Lampiro* ni strebas al informado kaj kulturo. Ĉi-cele Paulo S. Viana verkis tri artikolojn.

La unua temas pri la Sanpaŭla poeto Guilherme de Almeida, multfaceta intelektulo, kaj pri la muzeo instalita en lia domo memore al lia kariero. Ĉi tiu muzeo funkcias ankaŭ kiel kulturcentro, kiu proponas kursojn, ekspoziciojn, prelegojn ktp. Certe indas viziti ĝin!

La dua prezentas la belegan Parkon de Lumo, en la urbo Sanpaŭlo. Por mediti, kontempli, observi birdojn aŭ simple malstreĉiĝi, jen taŭga loko. Ĉu vi jam vizitis ĝin aŭ la mirindan, riĉkolektan pentraĵejon, kiu situas apude?

La tria artikolo temas pri Oswald de Andrade, Sanpaŭla verkisto, ribelulo, polemikisto kaj unu el la fondintoj de la Brazila modernisma movado. Paulo Sergio krome tradukis parteton de lia kurioza kaj provoka *Manifesto por poezio brazilligna*.

Dirce Salles prezentas al ni ĉarman rakonton pri ansero kaj porketo, kiuj filozofie diskutas aspektojn de la vivo. Kompatinda porketo! plena de ekzistadaj duboj kaj problemoj! La ansero rolas kiel psikanalizisto…

Francisco S. Wechsler skizas la historion de la Panama kanalo kaj liveras plurajn detalojn pri ĝia konstruado kaj nuntempa strukturo. Vizitinda loko!

José Dias Pinto prezentas sian tre originalan vidpunkton pri la utileco de verkado de kronikaĵoj por la lingva disvolviĝo de komencantoj. Eble ankaŭ vi ekkuraĝos verki kelkajn, kaj fariĝi bonlingva kaj sukcesa aŭtoro!

Aparecida Araújo raportas en la Portugala pri pluraj eventoj kaj agoj de EASP: la ĵus okazinta 8-a Sanpaŭla Esperanto-Kongreso, pri librodonacoj, pri manfaritaj puzloj kaj pri la aliĝkampanjo por la jaro 2015. Nepre profitu tiun ĉi materialon por diskonigi ĝin inter viaj neesperantistaj amikoj.

Francisco S. Wechsler tradukis du rakontojn verkitajn de Moacyr Scliar. Kuracisto kaj verkisto, li aŭtoris romanojn, rakontojn, kronikaĵojn kaj artikolojn. La du rakontoj ĉi tie publikigitaj deiras de ŝajne konataj faktoj, sed ilin li prezentas per tute originala maniero kaj humure.

Kaj fine Newton Monteiro klopodas disvolvi novan instrumetodon, kiu funkcios per poŝtelefono, kaj petas la interesatojn kunlabori kun lia projekto. Ĉu vi akceptos la defion?

Bonan legadon!

La redaktistoj

# La domo de Guilherme de Almeida

**Paulo Sergio Viana**





Guilherme de Almeida estis grava brazila intelektulo, poeto, tradukisto, advokato, politikaktivulo. Li naskiĝis en la urbo Kampino (Campinas), en la jaro 1890, kaj loĝis en la ŝtata ĉefurbo dum longa tempo. Li estis unu el la respondeculoj pri enkonduko de la modernisma movado en Brazilo, en la komenco de la 20-a jarcento. De la jaro 1946 ĝis sia morto, en 1969, li loĝis en domo alnomata *La domo sur monteto*, en la kvartalo "Pacaembu" (strato Macapá, 187). Tie ofte kunsidis grupo da samideanoj por diskutoj kaj planado pri la kultura vivo. Guilherme de Almeida forte aktivis ankaŭ en la politika kampo, okaze de la revolucio okazinta en Brazilo, en la jaro 1932. Li estis membro de la Brazila Akademio de Beletro.

En la jaro 1976, tiu domo transformiĝis en ŝtatan muzeon kaj kulturcentron, sub la aŭspicio de privata firmo partnere kun rimedoj de la Sekretario de Kulturo. Tie eblas rigardi milojn da objektoj, inter ili multajn artaĵojn, kiujn la poeto kolektis dum sia vivo, kaj ankaŭ lian ampleksan bibliotekon. En la muzeo oni proponas kursojn, ekspoziciojn, prelegojn, recitalojn, precipe por diskonigado de brazilaj aŭtoroj. En tiu kulturcentro funkcias ankaŭ Centro de Beletra Tradukado.

La muzeo funkcias ĉiutage (escepte de lundoj), de la 10-a ĝis la 18-a horo. Vespere okazas kulturkunsidoj, laŭ programo.



# Parko de Lumo

**Paulo Sergio Viana**

En la centro de la urbego Sanpaŭlo, ĉe kvartalo *Bom Retiro*, meze inter nubskrapuloj, tre proksime de metrostacio *Luz* (Lumo), situas bela insulo da verdo kaj freŝa aero. Ĝi estas *Parko de Lumo*, la plej malnova kaj tradicia publika ĝardeno en la urbo. Konstruita komence por funkcii kiel zoologia ĝardeno, oni



transformis ĝin al vasta parko kaj tiel ĝi inaŭguriĝis en la jaro 1825.

En la parko troviĝas placeto por muzikaj prezentoj, lagoj, groto kun kaskadeto, gimnastikejo, kurejo, ripozejoj, boskegejo, fontano, ekspoziciejo kaj muzeo. Fotindaj kaj ĝuindaj estas la diversaj spe-





cioj de arboj kaj aliaj plantoj. Dekoj da birdospecioj kutime frekventas tiun lokon, same kiel diversaj specioj de fiŝoj en la krucforma lago. Borde de la lago staras belaj statuoj, kiuj reprezentas la sezonojn.



Apud la parko funkcias unu el la plej riĉenhavaj muzeoj en San-Paŭlo: la ŝtata *Pinacoteca* (Pentraĵejo), kies kolekto enhavas milojn da artaĵoj. Tute proksime oni povas viziti la imponan trajnostacion *Lumo* kaj la Muzeon de la Portugala Lingvo.

La parko funkcias de mardoj ĝis dimanĉoj, de la 9-a ĝis la 18-a horo.

Bonan promenon!

Fotoj: belytanunes

# Oswald de Andrade, senlaca ribelulo

**Paulo Sergio Viana**



La figuro de José Oswald de Souza Andrade (1890–1954) okupis gravan lokon en la kultura vivo de Brazilo. Naskita en la ĉefurbo Sanpaŭlo, en riĉa familio, li plenumis decidan rolon en la enkonduko de Modernismo en nian landon. Lia ribelema, kontestema, eĉ iom skandalema sinteno skuis la tiaman socion. Kune kun grupo da aliaj junaj intelektuloj, li partoprenis la Semajnon de Moderna Arto, en la jaro 1922, kiu markis definitive nian historion. Tiu movado celis komence starigi kontraŭstaron kontraŭ la Eŭropeca arto, kiu regis en Brazilo jam de jarcentoj. Oni ribelis kontraŭ la klasikaj modeloj de estetiko, favore al niaj lokaj artaĵoj, bazitaj sur niaj indianaj kaj negraj radikoj. Tiu movado inkluzivis ne nur literaturon sed pentroarton, skulptarton, arkitekturon kaj muzikon.

Oswald de Andrade estis malkvieta vojaĝanto, kiu trakuris la mondon. Koncerne sian laboron, li precipe verkis por revuoj kaj ĵurnaloj. Li verkis teatraĵojn, romanojn, poemojn kaj kelkajn "manifestojn" favore al siaj modernismaj, naciismaj pledoj, kiuj staras inter liaj plej konataj tekstoj. La plej konataj estas *Manifesto por Antropofagio* kaj *Manifesto por Poezio Brazilligna*[1]. Ĉi tie ni proponas Esperantigon de peceto el tiu kurioza laste menciita manifesto:

*La inklino al doktoreco. Fatale, ke la unua blankulo alvenis ŝipe, kaj politike ekregis la sovaĝajn arbarojn. La bakalaŭro. Ni ne sukcesas eviti doktorecon. Doktoroj. Lando de anonimaj doloroj, de anonimaj doktoroj. Tia estis la imperio. Ni ĉion erudiciigis. Ni forgesis la tipan lokan nizon.*

*Ni neniam eksportis poezion. La poezio ankoraŭ staras kaŝita inter la lianoj ruze saĝaj. Inter la lianoj de universitata resopiro.*

*Tamen, okazis eksplodo de lernitaĵoj. La ĉiosciaj homoj misformiĝis kiel alblovitaj kaŭĉukaĵoj.Ili eksplodis.*

*La reveno al la fakoj. Filozofoj filozofu, kritikistoj kritiku, dommastrino prizorgu la kuirejon. Poezio al poetoj. Ĝojo de tiuj, kiuj ne scias, kaj eltrovas.*

*Okazis antaŭe kompleta inversigo, invado de ĉio: fundamenta teatro kaj batalado sur la podio, inter moraluloj kaj malmoraluloj. Tiun tezon oni devas decidi*

*(Daŭrigota sur la paĝo 17.)*

# La Ansero kaj la porketo

**Dirce Salles**

Zuzu, la rozkolora porketo singultis malĝoje kun la vizaĝo apogita sur la aperturo de la alta balkono, ĉe kiu li vivis.



— Ho, ve! Kia malĝoja sorto la mia… Mi ŝatus gajni flugilojn por liberigi min de tiu prizono.

Neatendite, forta bruo de grandaj, viglaj flugiloj ektimigis la etan beston.

— Ne timu, Zuzu. Estas mi, Hans, la ansero gvardiano de la bestaj revoj.

— Ho, tutkoran dankon pro via vizito, mia bonkora gvardiano! Mi estis tiel malĝoja kaj angora, ke, eĉ sciante min tute sana, mi sentas doloron je la tuta korpo…

— Parolu pri via angoro, amiketo. Dialogo estas bona kaj efika medikamento kontraŭ la malsanoj de la animo.

— Mia ĉefa problemo koncernas la trudon de la homoj al mia vivo. Mi estas besto, kompreneble, kaj la naturo donis al mi la rimedojn necesajn por ke mi bone vivu.

— Tamen vi havas luksan vivon, Zuzu.

— Ja! Sed ĉu iu demandis min, ĉu mi tion bezonas? Ili trudas al mi siajn homkondiĉojn, homnecesojn, kvazaŭ mi perdus mian bestan rangon!

— Fakte, ekzistas personoj kiuj ne kapablas rekoni kaj akcepti la plej simplajn aspektojn de la vivo.

— Mi staras for de la grundo kaj de la steloj, enkarcerigita en tiu ĉi vera turo, tute sola… pro tio mi deziris flugilojn.

— Vidu, homoj volas, ke vi estu homa kaj vi volas esti birdo?!

— Pardonon! Foje la soleco, la manko de niaj kunuloj por insterŝanĝi konfidencojn, timojn, karesojn, kaj aliajn aferojn, faras nin, momente, perdi la mensekvilibron.

— Vi ne bezonas peti pardonon, infano kara. Flugilojn vi ne povas gajni, tamen…



—… tamen kio, Hans?

— Mi povas konduki vin tra la senfina spaco, se vi ne timos.

— Sed kiel vi tion farus?

— Supreniru sur mian dorson — diris la ansero, malsuprenigante sian korpon.

Kaj tuj, tuj la ĉielo gajnis strangan aferon: la grandan, viglan anseron bele flugantan kun iu porketo gluita dorse.

Zuzu sentis sin tiel feliĉa, ke ĝi tute forgesis la angorojn de la koro. Ĝi vidis aliajn popolojn, aliajn kutimojn, vidis montarojn, riverojn, marojn, boskojn, arbarojn, bienojn, bestojn… multajn

(Daŭrigota sur la paĝo 17.)

# La Panama kanalo

## Francisco S. Wechsler

En Decembro de 1972, 98 kolegoj kaj mi diplomiĝis pri agronomio. Dum la pasintaj jardekoj, ni renkontiĝis jen kaj jen, sed, antaŭ kelkaj jaroj, ni decidis renkontiĝi oficiale unu fojon jare, ĉiam en Oktobro. Ĉi tiuj eventoj okazis en diversaj lokoj de Brazilo, sed ĉi-jare ni vojaĝis al Panamo, kie loĝas du el niaj kolegoj. Tie ni multe promenis, kaj kompreneble ni vizitis la faman Panam-Kanalon, rigardatan kiel unu el la sep inĝenierartaj mirindaĵoj de la mondo.

### Historio

Interligi la Atlantikan Oceanon kun la Pacifika estis revo de multaj jarcentoj, ĉar ĝi ege plifaciligus kaj plisekurigus ŝipiradon. La Panama Istmo estis la natura kandidato por la konstruo de kanalo, ĉar ĉe ĝia plej mallarĝa parto la distanco inter la du oceanoj estas proksimume nur 80kilometroj.

En 1881, kiam Panamo estis ankoraŭ parto de Kolombio, Franca kompanio komencis la kanalon, sub la gvidado de Ferdinand de Lesseps, kiu antaŭe konstruis la Suez-Kanalon. Lia plano komence estis fari la Panaman Kanalon marnivela, kaj nur en 1887 la kompanio decidis ŝanĝi la originan projekton kaj provizi la kanalon per kluzoj. Tamen, pro alta mortprocento de la laboristoj, inĝenierartaj malfacilaĵoj kaj financaj problemoj, la kompanio bankrotis en 1889, kaj la konstruado haltis.

Oni ricevis novan koncesion de la Kolombia registaro, kaj alia kompanio estis kreita en 1894. Dum la fosado pludaŭris, skipo de inĝenieroj detale studis la projekton kaj fine decidis konstrui dunivelan kanalon kun kluzoj. Tamen la fosado ne multe progresis, kaj jam en 1896 la kompanio komencis serĉi aĉetonton. Ĝi fine vendis siajn konstruaĵojn, fosaĵojn kaj ekipaĵaron al Usono en 1902.

La Usona kaj Kolombia registaroj subskribis traktaton pri la kanalo en 1903, sed la Kolombia Senato rifuzis ratifiki tiun dokumenton. Tiam Usono militapogis la sendependiĝon de Panamo kaj la ĵus kreita nacio rekompence tuj vendis siajn rajtojn pri la Panam-Zono, kiu oficiale fariĝis Usona teritorio en 1904. En 1979, rezulte de jardekoj da protestado, la Panam-Zono estis estingita kaj ĝi refariĝis Panama teritorio.

Dum la unuaj jaroj la laborado progresis malrapide, pro registraraj burokrataĵoj kaj la malbona stato, en kiu la Franca kompanio estis lasinta multajn konstruaĵojn kaj ekipaĵojn. Oni do devis ripari kaj organizi la tuton,starigi klubojn kaj restoraciojn por la laboristoj kaj batali kontraŭ lavangoj, malario kaj flava febro. Dume, oni ankoraŭ hezitis inter marnivela kanalo kaj kluzkanalo. Fine la Usona Senato aprobis la kluzan alternativon.

En 1907, la fosado akceliĝis kaj en 1913 ĝi esence kompletiĝis. La konstruado de la digoj kaj kluzoj komenciĝis en 1909

kaj kompletiĝis en 1913. La kanalo estis oficiale inaŭgurita en 1914.

En 1979, la administrado de la kanalo fariĝis Usona-Panama, kaj ekde 1999 ĝi estas administrata sole de Panamo.

## Strukturo

La baza strukturo de la Panamo-Kanalo konsistas el du artefaritaj lagoj: la pli vasta estas Gatuno (Gatún), kies supraĵo situas je 26m super la marnivelo. Por eniri la kanalon per ĝia Atlantika ekstremo kaj atingi ĉi tiun lagon, ĉiu ŝipo estas levita per aro da tri kluzoĉambroj.



La enirejo de la lago Gatuno

La ŝipo poste trairas la lagon, ĝis ĝi atingas la Kulebran koridoron (Culebra), kiu estas fosita tra la montaroj en la centra regiono de la Panama Terkolo.

Trapasinte la koridoron, la ŝipo atingas la kluzaron de Pedromigelo (Pedro Miguel), kaj, per ĝiaj tri ĉambroj, ĝi estas mallevita je 9,5m, kaj do atingas la altitudon de 16,5m. Ĝi tiam eniras la lagon Mirafloro (Miraflores), trapasas ĝin kaj atingas la samnoman duĉambran kluzaron. Per la ĉi-lasta la ŝipo estas mallevita je pliaj 16,5m (je mezalta tajdo) kaj atingas la Pacifikan Oceanon.



La Kulebra koridoro



La Miraflora kluzaro

La tuta longo de la kanalo estas 77,1 km, de unu oceano al la alia.



La nova kluzaro konstruata

Nuntempe la limdimensioj por ŝarĝoŝipoj trairontaj la kanalon estas proksim-

*(Daŭrigota sur la paĝo 17.)*

# Kronikaĵo

**José Dias Pinto**

Mempriironie esperantistoj kelkfoje diris ke, post baza akiro de lingva scio, ni emas jam verki poeziaĵojn. Kaj eventuale oni demandis novulon pri liaj jamaj aventuroj en tiu kampo. Preterite, ĉar nuntempe la novaj komunikadaj teknologioj ja pelas ĉiujn al rapida skribado, ne al pli postula kaj pensiga verkado. Tial nun certe sonas iom pli folkloreske la tiama onidiro, ke freŝbakitoj kutimas entrepreni "konstruadon" de versoj. Tamen, se oni ne lasas sin regi de la epidemia rapidemo, oni povas entrepreni la verkadon, se ne de poemoj, almenaŭ de malpli postulema ĝenro. Interesa literatura kampo per kiu esperantistoj povus iniciĝi en la verkarto: kronikaĵo. Ne freŝbakite, sed post iom da sperto.



Laŭ informo en la paĝoj de `http://www.quemdisse.com.br/frase.asp?frase=8238` Eleanor Roosevelt aŭtoras la fojfoje citatan frazon, ke *grandaj mensoj diskutas ideojn; mezaj mensoj diskutas eventojn; mensoj malgrandaj diskutas personojn.* La tri niveloj havas lokon en tiu literatura ĝenro. Oni povas paroli pri eventoj kaj personoj; la ideoj venos poste — se tiel — kiel rezulto. Konkretaĵoj povas faciligi la prilaboron de la eventualaj ideoj. Oni povas paroli pri la personoj, kujn oni konas aŭ supozas koni pli bone: oniaj geamikoj. Oni povas ampleksigi la sencon de la vorto *kronikaĵo* kaj permesi al si eĉ priironii ilin — kies idiosinkraziojn — karakteron, inklinojn, humuron, humoron, sintenon antaŭ la vivo, kuraĝon / malkuraĝon, ni ja nesenutile konas. Tamen, se tion fari, prudentas ne tro akrigi la humuron, ne tro spici la spriton. Aŭ oni povas meti ilin en vestojn, lokojn kaj cirkonstancojn ne imageblajn pri ili. Se oni ne havas proprajn ideojn pri kiuj paroli, oni povas paroli pri tiuj de la priparolatoj. Manke de alia persono pri kiu paroli, oni parolu pri si mem. Ĉiu mio estas por si mem la plej grava. Tio valoras ankaŭ por liaj ideoj – kiuj tamen povas ne utili por la celo. Se ili ne ĉeestas aŭ ne utilas, oni parolu pri aliulaj. Oni ne bezonas teni sin strikte ĉe ia specifa temo kaj ankaŭ ne nepras respekti la kronologion de la eventoj. Oni povas papiliume tuŝi aferojn apenaŭ aŭ nur akcesore koncernajn al la eventuala ĉeftemo. La "meznivelklasaj" eventoj tre utilas por senpretenda, leĝera literaturo. Ni ofte ĉeestas, partoprenas, spektas okazaĵojn, gravajn kaj malgravajn, uzeblajn kiel temoj de malgranda kroniko-artikolo. Kelkajn povas inspiri al ni vizito al nia

memorarkivo kie povas troviĝi bona materialo por pli-malpli lerte ekspluati kaj entekstigi. Kaj se ni mem havas en la rakonto rolon iel malaprobindan, oni atribuu ĝin al aliulo. Tielsame oni agu se, pro falsa modesteco, oni ne volas kvazaŭ prezenti memlaŭdon. Kaj, se oni estas nur meze klera, oni ne pavumu erudiciule. Kaj tion oni ne bezonas, se oni parolas pri memspertaj konkretaĵoj. Oni povas kolorigi la tekston per aldono de historio de aŭ pri la patro aŭ avo, aŭ petolaĵo de filo aŭ nepo. Pli bone tamen ne rompi la fluon de la penso, escepte, kompreneble, se tiun rimedon oni volas uzi por emfazi ion reliefigindan.

En sia verko *Retoriko* Ivo Lapenna parolas pri la kvalitoj kiujn aŭskultantoj rajtas esperi de oratoro. Inter ili koni la traktatan temon pli bone ol ili. Aŭ, almenaŭ, kapabli trakti ĝin en originala maniero, el diferenca vidpunkto. Se tian postulon oni farus koncerne al niaj kandidatoj al kronikistoj, ili havus antaŭ si grandan obstaklon. Feliĉe la afero prezentiĝas diference. Oni ja ne bezonas konkuri kun la kronikistoj verkantaj por nacilingvaj ĵurnaloj, multaj el ili kleraj kaj kompetentaj verkistoj, kiuj publikigas kronikaĵojn en periodaĵoj, krom por la mono, eble ankaŭ cele al ripozo de la serioza verkado. Mi ne sugestas ke kronikaĵoj estas subvalora ĝenro — nur ke ĝi estas iom pli facile alirebla al niaj ne tre spertaj poetoj. Aŭ eble tio estas opinio de neelstara, iama, fojfoja prozemulo sen porpoeziaj kapabloj.

Ankoraŭ pri versfarado mi diru, ke mi mem, nur unufoje, provis per-verse fasoni vestojn por ideoj. Ĉeestinte iam, en la sidejo de EASP, vere interesan portugallinvan prelegon pri troboj, mi decidis eksperimente fari kelkajn en Esperanto. Kiel la plejparto el la tekstoj kiujn mi verkis esperante, ankaŭ la deko da troboj baziĝis sur memspertoj. Ĉifoje enesperantiaj spertoj. Elmemore mi citas du el tiuj troboj: *Esprimriĉa kaj belsona, /sed facilas Esperanto; /tiel atestas la impona /jubilea komencanto. ///Cervantes venis tro frue; /se post Zamenhof, je Kristo, /certe agus li kongrue: /Kiĥoto esperantisto.*



> *La netuŝebleco de la Fundamento ne en senco de* fetiĉismo*, kiel malvere diras niaj kontraŭuloj, sed en senco de* rompado… *estas la plej necesa rimedo, por ke… la novaj esperantistoj bonege komprenu la malnovajn esperantistojn kaj la malnovajn verkojn, t.e. por ke nia lingvo ĉiam konservu severan* unuecon*, kiu por lingvo estas multe pli necesa, ol ĉiu ŝajna aŭ eĉ vera perfekteco.*
>
> L.L. Zamenhof (1907)

# Movimento esperantista

## Aparecida Araújo

### 8º Congresso Paulista de Esperanto

A Associação Paulista de Esperanto realizou em outubro de 2014, na cidade de Araraquara, o 8° Congresso Paulista, com apoio cultural da BEL — Liga Brasileira de Esperanto, e da CBLIE — Câmara Brasileira da Língua Internacional Esperanto. O apoio estrutural foi do SESC — Serviço Social do Comércio, e a organização local ficou a cargo do delegado da UEA por Araraquara, Alexsandro Cesário.



A abertura solene contou com a presença do prefeito de Araraquara Marcelo Barbieri, da vereadora Juliana Damus, do secretário de Assistência Social e Desenvolvimento, José Carlos Porsani, do presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Evandro Avellar, do presidente da Organização Brasileira da Juventude Esperantista, Fernando Maia Jr, do delegado chefe da Associação Universal de Esperanto para o Brasil, Emilio Cid, do presidente da Associação Paulista de Esperanto, José Roberto Tenório, e do organizador local, Alexsandro Cesário.

Foram só dois dias de congresso, mas com uma programação diversificada e de muito conteúdo, desenvolvida numa atmosfera de muito entusiasmo e calorosa amizade. O tema principal *Esperanto, mediador para outros conhecimentos*, foi amplamente desenvolvido com a coordenação de Emilio Cid (São Vicente), e a participação de Evandro Avellar (Brasília/DF), Fernando Maia Jr (Aracaju/SE), James Piton (Paulínia/SP), Karina Oliveira (São Paulo/SP), e César Dorneles (Porto Alegre/RS).

Como palestrantes se apresentaram Paulo Sergio Viana (Lorena/SP), Karina Oliveira e Osmar da Silva Alves (São Paulo/SP). Completando as palestras tradicionais, fizeram grande sucesso as 18 palestras rápidas de 8 minutos cada, inspiradas no modelo de *TED Talks*. Simultaneamente às palestras, aconteceram o Curso Rápido de Esperanto, ministrado por Patrick Gonzalo (Lima /Peru), e aula prática de conversação, ministrada por César Dorneles.

Nos dois dias, o Libroservo da APE foi exposto, com grande sucesso de vendas, fazendo circular importante parte da cultura esperantista.

A noite de artes foi no sábado, com a apresentação de canto, dança, coral, dança flamenga e do cantor Eusébio Sumedha (Uberlândia/MG).

Participaram 154 pessoas, vindas de 40 cidades. Os portais da Prefeitura e da Câmara de Araraquara deram ampla cobertura ao evento.

## Biblioteca Infantil Multilíngue Duda Porto de Souza

A Associação Paulista de Esperanto tem doado livros infantis na língua Universal, para a Biblioteca Infantil Multilingue Duda Porto de Souza, a única biblioteca do gênero em toda a America Latina, destinada a esse público tão especial, crianças e jovens até 19 anos. Ela é mantida pelo Centro Universitário Belas Artes de São Paulo, situado na Rua Dr. Álvaro Alvim, 90, Vila Mariana. Por esta doação, o nome da APE aparece no site oficial entre os *Amigos da Biblioteca*, na categoria *Parceiros Doadores*. Dos vinte títulos doados, 15 já estão disponibilizados para consulta: `www.bibliotecainfantil.com.br` (Fonte: *Kuriero* nº 137 de 24/10/2014.)

## Torre de Babel

Diz a lenda que uma gigantesca torre estava sendo construída com a finalidade de tocar o Céu. Deus achou que era uma ousadia humana, e interferiu, fazendo com que todos os homens que trabalhavam na construção falassem línguas diferentes. Assim ninguém mais se entendeu, tudo se tornou uma grande confusão e, aos poucos, todos abandonaram a Torre de Babel. Esta é a explicação mítica para a origem dos idiomas. Um *puzlo* ou *kaprompilo* ("quebra-cabeça") de 5000 peças, com o tema *Torre de Babel*, foi doado à Associação Paulista de Esperanto, pela Esperantista Maria Antonia Sobral (Silvianópolis/ MG), e foi apresentado aos associados em 15/12/2014, durante as festividades da *Zamenhofa Festo*, quando os apreciadores desse passatempo puderam quebrar a cabeça para montá-lo. Maria Antonia Sobral dedica-se a esta arte, e o seu processo de criação, seu talento, sua dedicação, sensibilidade e inspiração, podem ser conferidos em `manfaritapuzlo.blogspot.com`, que ela mantém em português e também traduzido para a língua Universal Esperanto.

## Campanha de filiação 2015

A filiação à APE para 2015 custa R$ 120,00 para residentes na Capital, e R$ 60,00 para residentes no Interior. Na Campanha, você ganha um desconto na assinatura das revistas *Juna Amiko* e *Kontakto*, com a opção de doá-la a um amigo, aluno ou conhecido. Veja a combinação abaixo:

Adesão (membro simples) + *Juna Amiko* = R$ 138,00
Adesão (membro simples) + *Kontakto* = R$ 136,00
Adesão (membro simples) + *Juna Amiko* + *Kontakto* = R$ 168,00
Adesão (membro do interior) + *Juna Amiko* = R$ 85,00
Adesão (membro do interior) + *Kontakto* = R$ 83,00
Adesão (membro do interior) + *Juna Amiko* + *Kontakto* = R$ 115,00

Filie-se já!

# Du rakontoj

**Moacyr Scliar**
**Tradukis Francisco S. Wechsler**



N.T..: Moacyr Jaime Scliar (1937–2011) naskiĝis en Portalegro (Suda Riogrando). Liaj gepatroj estis enmigrintaj Judoj, kaj lia kreskado en Juda kvartalo poste speguliĝis en pluraj verkoj liaj. Li diplomiĝis pri medicino, kaj laboris dum la resto de sia vivo kiel kuracisto kaj profesoro. Tamen lia verkista kariero estas eĉ pli rimarkinda; li aŭtoris plurajn romanojn kaj multajn artikolojn, rakontojn kaj kronikaĵojn. Moacyr ofte deiras de konata, eĉ ordinara fakto aŭ historio, kaj traktas ĝin laŭ neordinara vidpunkto, ofte fantazia, kaj ankaŭ ofte spicas la frazojn per subtila komikeco. Tiun ĉi trajton montras la sekvaj du rakontoj.

## La nokto, kiam la hoteloj estis plenaj

La geedza paro alvenis en la urbo malfrunokte. Ili estis lacaj pro la vojaĝo; ŝi, graveda, misfartis. Ili tuj ekserĉis lokon por pasigi la nokton. Hotelo, gastigejo, io ajn taŭgus, kondiĉe ke ne tro kara.

Ne estos facile, tion ili baldaŭ eltrovis. Ĉe la unua hotelo la mastrumanto, homo kun krudaj manieroj, tuj diris, ke ne estas vako. Ĉe la dua, la pordisto rigardis suspekteme la paron kaj decidis peti de ili dokumentojn. La viro diris, ke li ne havas ilin, pro la urĝo de la vojaĝo li forgesis la dokumentojn.

— Sinjoro, kiel vi intencas ricevi hotelvakon, se vi ne portas dokumentojn? — diris la pordisto. — Mi eĉ ne scias, ĉu vi pagos la konton aŭ ne!

La vojaĝanto diris nenion. Li prenis sian edzinon je brako kaj pluiris. Ankaŭ ĉe la tria hotelo ne estis vako. Ĉe la kvara — kiu pli similis al senluksa gastigejo — ja estis, sed la posedanto malfidis la paron kaj decidis diri, ke la establaĵo estas plena. Tamen, por ne aspekti malĝentila, li elpensis ekskuzon:

— Vidu, sinjoro, se la registaro donus al ni stimulojn, same kiel al la grandaj hoteloj, mi jam reformus ĉi tion. Sed ĝis hodiaŭ mi ricevis nenion. Se mi konus iun influan… Ĉu vi ne konas iun ĉe la altaj tavoloj?

La vojaĝanto hezitis, poste li jesis, eble li konas iun ĉe la altaj tavoloj.

— Nu — diris la posedanto de la gastigejo — parolu kun tiu konato via pri mia gastigejo. Do, kiam vi revenos ĉi tien, eble mi jam povos liveri al vi unuaklasan ĉambron, kun banejo kaj ĉio cetera.

La vojaĝanto dankis, bedaŭrante nur, ke lia problemo pli urĝas: li bezonas ĉambron por tiu nokto. Li pluiris.

Ĉe la sekva hotelo, ili preskaŭ sukcesis. La mastrumanto atendis paron da konataj artistoj, kiuj vojaĝis inkognite. Kiam la vojaĝantoj aperis, li supozis, ke ili estas la atendataj gastoj kaj diris, ke jes la ĉambro jam estas preta.Krome li laŭdis ilin.

— Tiu kaŝkostumo estas tre bona. Kiu kaŝkostumo? demandis la vojaĝanto. Tiuj malnovaj vestoj, kiujn vi surhavas, diris la mastrumanto. Tio ĉi ne estas kaŝkostumo, jen la solaj vestoj, kiujn ni posedas. Tiam la mastrumanto rimarkis sian eraron:

— Mi tre bedaŭras — li senkulpigis sin. — Mi supozis, ke restas vaka ĉambro, sed ŝajne ĝi jam okupiĝis.

La paro pluiris. Ankaŭ en la sekva hotelo ne troviĝis vako, kaj la mastrumanto pretendis esti ŝercema. Tie proksime situas stalo kun trogo, li diris, kial vi ne gastiĝas tie? Ne estos tre komforte, sed kompense vi ne pagos tranokton. Surprizante lin, la vojaĝanto trovis la ideon bona, kaj eĉ dankis. Ili eliris.

Post nelonge aperis la tri saĝuloj, kiuj demandis lin pri alilanda paro. Kaj tiam la estro komencis kompreni, ke eble li perdis la plej gravajn gastojn iam alvenintajn en Bet-Leĥem de Judujo.



## La sentima virino

Usonaj sciencistoj studas la kazon de virino kun malofta malordo, rezulte de kiu ŝi nenion timas.[1]

Li ne sciis, kio atendas lin, kiam, pli pelate de scivolo ol de pasio, li komencis amindumi la sentiman virinon. Verdire tie kuŝis ankaŭ elemento de profitemo; li havis sekretan projekton skribi libron nomotan "Vivi kun la Sentima Virino", verkon, kiu, li supozis, povos sukcesegi, alportante famon kaj riĉecon. Sed li tute ne imagis, kio okazos al li.

Estrema, la viro volis fariĝi la hejmreĝo. Liajn ordonojn strikte obeu la edzino. Sed kiel altrudi sian volon? Same kiel multaj, li uzis minacojn: mi volas, ke la matenmanĝo estu surtable je la naŭa, alie… Kaj tiam venis la avertoj: alie mi kriaĉos al vi, alie mi batos vin, alie mi ne lasos vin manĝi.

Sed jen la virino tutsimple ignoris ĉion; male, ŝi ridegis. Ŝi ne timis kriojn, ne timis manfrapojn, ne timis ian ajn punon. Kaj ŝi eĉ diris, ĝentile: "Mi ja dezirus timi viajn minacojn, por pruvi mian ŝaton kaj amon, sed vi vidas, mi ne kapablas."

Tio, krom humiligi profunde, plene konsternis lin. Timigi sian edzinon transformiĝis en aferon de honoro por li. Necesis vidi ŝin pala, tremanta, kripetante helpon. Kiel atingi tion? Li multe cerbumis kaj venis al konkludo: por timigi ŝin efikos nur blato aŭ rato. Li fine elektis blaton, pro facileco: proksime de ilia loĝejo situis malnova, forlasita tenejo, plena de blatoj. Tien li iris kaj havigis al si kvar specimenojn, kiujn li metis en larĝaperturan vitrujon.

Li revenis hejmen kaj restis atendante, ke la edzino revenos, kaj tiam li liberigos

la blatojn. Li jam antaŭŝuis la scenon: ŝi sendube saltos sur seĝon, kriante histerie. Kaj li fine sentos sin la venkanto.

Ĝuste tiumomente aperis rato. Surpriza fakto, ĉar tie ne ekzistis ratoj, precipe rato tiaspeca, grandega, minaca, la Rat-Reĝo.

Kiam la virino fine revenis, ŝi trovis lin staranta sur seĝo, tenante la vitrujon kun blatoj, kriante histerie. Plenmerite al sia famo, ŝi montris neniun ajn timon; male, ŝi ridegadis. Ŝi alportis balailon, ĉasis la raton tra la ĉambro, sukcesis senelirigi ĝin kaj mortigis ĝin facilege. Ŝia ago helpis la viron, ankoraŭ tremantan, malsupreniri de la seĝo. Kaj tiam ŝi ekvidis, ke li tenas la ujon kun la kvar blatoj. Tio surprizegis ŝin: kion li intencas fari al la kompatindaj insektoj? Aŭ temas pri nova speco de perversio?

Je tiu momento li jam eĉ ne sciis, kion diri. Konfesi, ke temas pri la plej lasta artifiko por timigi ŝin, estus hontego, precipe ĉar, kiel li nun konstatis, ŝi ne timas blatojn, same kiel ne timis la raton. La solvo estis submetiĝi al la situacio. Kaj akcepti, ke vivi kun sentima virino estas afero almenaŭ timiga.

[1]www.folha.com, la 17-an de Decembro, 2010

(Daŭrigo de la paĝo 7.)

*per milito inter sociologiistoj, juristoj, dikuloj kaj orumitoj, kiel* Corpus Juris[2].

*Lerta estu la teatro, ido de ĵonglisto. Lerta kaj mallogika. Lerta estu la romano, naskita el inventemo. Lerta la poezio. Poezio el brazilligno, lerta kaj simplanima. Kiel infano.*

[1]Brazilligno: en la portugala lingvo, *pau-brasil*, nomo de arbo tipa de Brazilo (*Caesalpinia echinata*, kies nomo fariĝis la nomo de la lando mem, do forta simbolo de Brazilo.

[2][KORpus JUris]. Latine: *leĝaro*.

(Daŭrigo de la paĝo 9.)

aferojn vidis Zuzu.

Preskaŭ je la komenco de la mateno, Hans redonis la porketon al ĝia loĝejo.

— Ĉu vi revenos, Hans?

— Jes! Kiam eble mi revenos.

— Sed kion mi povus fari por ne senti min ĝenata?

— Skribu historiojn, Zuzu. Ĝis la revido!

— Ĝis... Hans! Hans! Momenteton, pro bonvolo.

— Kio okazis? diris la ansero revenante kaj eksidante sur la balkono.

— En kiu lingvo mi devos skribi la historiojn?

— Ho, bona demando! Skribu en Esperanto.

— Kial?

— Ĉar nur tiel ĉiu popolo povos ilin traduki al sia propra lingvo, ampleksante la konon kaj la plezuron legi.

(Daŭrigo de la paĝo 10)

ume 290m da longo, 32m da larĝo kaj 12m da enakviĝo. Ĉar jam ekzistas multaj pli grandaj ŝarĝoŝipoj, la Kanal-Kompanio konstruas nuntempe novajn kluzarojn, kiuj tralasos ŝipojn kun proksimume 427 m da longo, 55 m da larĝo kaj 18m da enakviĝo.

# Nova instrumetodo

**Newton Monteiro**

Kial Nova Metodo?

Lastatempe oni rimarkas, ke kreskas la nombro da personoj, kiuj plurfoje dum la tago fiksas la atenton sur la ekranon de sia poŝtelefono. Ĉu ili lernas Esperanton?

Certe ne! Sed ni povos almenaŭ parte ŝanĝi tiun intereson diskonigante Esperantan metodon, aŭdvidan, kiu vekos la intereson de novaj idealistoj pri paco kaj frateco.

Ni instruas Esperanton ekde la jaro 1947-a ĝis nun. En la jaro 1963-a mi verkis metodon por instruado de Esperanto kaj poste pliajn du novajn metodojn, sed mi konsideras, ke aktuale neniu el ili kontentigas la neceson de diskonigado de Esperanto tial, ke ĉiuj tiuj metodoj enhavas la tutan strukturon de Esperanto, kaj rezulte montriĝas densaj kaj ne vekas la intereson de novaj lernantoj. Ĉi tiuj nun disponas malpli da tempo pro la amasego da informoj dissendataj ĉiumomente.

Tial ni proponas al voluntuloj verki novan metodon komence tre simplan, pere de filmo kun aktoroj, ripetante sufiĉe la instruadon de elementoj de la strukturo de la lingvo, kaj ankaŭ farante, ke la lernantoj malkovru la elementojn de la gramatiko anstataŭ ricevi informojn pri ili. La nova metodo ebligas amuzajn situaciojn kaj estos disponebla pere de interreto.

Se vi volas kunlabori en tiu entrepreno, informu tion skribante al *La Lampiro*, kaj ni difinos daton por interkonsenti pri la organizado de la necesaj kaj sufiĉaj elementoj.

Ni enkalkulos vian apogon!

*[…] oni nepre devas montri kaj pruvi la plenan taŭgecon kaj utilecon de Esperanto en la praktika internacia uzado.*

*[…] bona ekzemplo estas la ago de esperantistoj-kuracistoj en Japanujo, kiuj verkas siajn valorajn fakajn laboraĵojn senpere en Esperanto kaj pere de Esperanto interŝanĝas siajn spertojn kun alilandaj samfakuloj.*

*[…] nur la praktika uzado de Esperanto flanke de fakuloj el diversaj landoj sekurigas pli rapidan venkon.*

Ideoj de la malkabeinta Kazimierz Bein (Kabe)

# 9-a Esperanta Kongreso de la Ŝtato Pan-Paŭlo

Esperanto aplikata al Komerco kaj Turismo.

Paranapiakabo
10,11 kaj 12 de Oktobro 2015



Informoj kaj aliĝoj
www.easp.org.br/paranapiacaba

Loko:
Klubo União Lira Serrano
Strato Antonio Olyntho, sen numero



Realigo




Organizado




Apogo


















Brazila Esperanto-Ligo

